

## 6-a renkonto de iamaj membroj de GLEA

La 6a renkonto de iamaj membroj de Germana Laborista Esperanto-Asocio okazis dum la tagoj de la 5a ĝis 7a de aprilo 1983 en Magdeburg, kie en la klubejo de la Societo por Germana-Soveta-Amikeco kunvenis ĉirkaŭ 50 gekamaradoj.

La programo enhavis tri partojn: laborkunsidon, viziton de la artekspozicio en la iama monaĥinejo de „Niaj karaj virinoj", distran vesperon kun prezentado de lumbildoj.

Post malfermo de la renkontiĝo per la vicprezidanto de GDREA, Rudolf Hahlbohm, k-do Schödl parolis pri la signifo de la proklamita „Karl-Marks-Jaro 1983", moto kiu ankaŭ por la kunveno valoris. Speciale menciindaj estis la kontribuoj de k-do Böttcher kaj k-dino Kolbe. Dank' al abunda studo de gazetoj kaj dokumentoj ambaŭ povis sciigi gravajn faktojn el la antaŭfaŝisma periodo en Leipzig. K-do Böttcher informis pri la agado de nia neforgesebla Otto Bäßler kaj aliaj lingvoamikoj, pri iliaj kontaktoj kun Sovetunio kaj la Ruĝa Armeo. K-dino Kolbe raportis detale pri la 9a Mondkongreso de la Laboristaj Esperantistoj en Leipzig (SAT-Kongreso), okazinta en la jaro 1929 kaj pri la tiama publika laboro kontraŭ la militpreparoj de la imperialistoj.

Treege interesa, precipe laŭ vidpunkto de nia nuna evoluperiodo, estis la prelego de k-do D-ro Blanke pri la temo „Karl-Marx kaj Friedrich Engels pri la problemo de internacia lingvo". Perhelpe de ekstraktajoj el la postlasintaj verkoj k-do Blanke pruvis, ke ambaŭ ekkonis la grandan signifon de internacia lingva komunikado, kvankam ili sin ne esprimis pri la problemo de universala lingvo, sed nur tuŝis ĝin.

Variaj estis la kontribuaĵoj de la aliaj parolantoj. K-do Köcher raportis pri propraj kongresspertoj, Habicht pri personaj impresoj dum kongresoj de Esperanto-pioniroj en Leipzig kaj Nürnberg.

Sekvis informoj rilate al la aktuala laboro. K-do Dittrich pritraktis akiritajn spertojn dum la jaroj 1943 — 1949, Eichler informis pri aktivecoj en Schwarzenberg kaj Burmeister pri LEA-materiala ekspozicio kaj aliaj projektoj en Karl-Marx-Stadt.

Estas la celo de tiaj renkontoj flegi la tradiciojn de la Laborista Esperanto-Movado. La pritraktitaj temoj same kiel la recitita poemo de k-do Lindner pruvis, ke tiuj tradicioj, la idealoj de la proleta internaciismo, la batalo por paco, interpopola kompreniĝo kaj interpopola amikeco ankoraŭ hodiaŭ estas vivaj. Parolis el ĉiuj kontribuoj kaj diskutoj la konscio kaj decidemo ne nur rememori pri la pasintaj bataloj, sed konforme al la iamaj celoj daŭrigi la laboron ankaŭ sub la kondiĉoj de la postmilita, ĝisfunde ŝanĝita mondo. La kunveno per la diskutoj kaj kamaradeca harmonio respegulis la veron de la sentenco:

„Flegi tradicion ne signifas gardi malvarmiĝintan cindron. Flegi tradicion signifas gardi la entuziasmigan, brulantan flamon".

# Komuniko

De la 18a ĝis 20a de aprilo 1983 reprezentantoj de Esperanto-organizaĵoj el Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Pollando kaj Sovetunio okazigis en Radziejowice (ĉe Varsovio) sian 16an Konsultiĝon. Ili pritraktis demandojn pri la apliko de Esperanto en la internacia aktivado por la paco kaj diversajn problemojn de la komuna laboro.

La partoprenantoj aparte dankas Polan Esperanto-Asocion pro la bonegaj laborkondiĉoj.
Radziejowice, la 20an de aprilo 1983

# Deklaro

La partoprenantoj de la 16a Konsultiĝo de Esperanto-organizoj el socialismaj landoj (Bulgario, ĈSSR, GDR, Hungario, Pollando, Sovetunio) kunveniintaj de la 18a ĝis 20a de aprilo 1983 en Radziejowice (Pollando) pritraktis la daŭre kreskontan militdanĝeron en la mondo kaj esprimas sian plenan subtenon al la konstantaj proponoj de la socialismaj landoj por malarmado kaj malstreĉiĝo en la mondo. Ili decide malaprobas la planojn pri dislokigo de novaj nukleaj armiloj en Ocidenta Eŭropo kaj aliloke. Tial la partoprenantoj alvokas la esperantistaron kontinui kaj pliintensigi la ĝisnunan plursferan porpacan aktivadon.

## Radio Polonia en Esperanto

La disaŭdigoj okazas laŭ jenaj tempoj (griniĉa tempo, por mezeŭropa tempo aldonu unu horon):
5,30 — 6,00 41,27; 48,90; 50,04; 75,85; 200 m (7270, 6135, 5995, 3955, 1503 kHz)
11,00 — 11,25 31,50; 41,99 m (9525, 7145 kHz)
16,30 — 16,55 41,18; 49,22 m (7285, 6095 kHz)
19,30 — 20,00 41,18; 49,22 m (7285, 6095 kHz)
21,30 — 21,55 41,18; 49,22; 50,04; 75,85; 200 m (7285, 6095, 5995, 3955, 1503 kHz)
Reagojn pri la aŭskultitaj disaŭdigoj sendu al: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, 00-950 Warzsawa, Box 46, Pollando.

## SELKO kaj TUSE 83

La Somera Esperanto-lernejo (SELKO 83) ĉijare okazos de 2. — 15. 7. 1983 en Jasov (ĉe Košice) kaj Turisma Semajno (TUSE 83) de 23. — 29. 7. 1983 en Spišska Nová Ves.
Informojn pri SELKO petu ĉe Esperanto-Klubo ĈS-04123 Košice, kaj pri TUSE ĉe Peter Pavúk, Jilemnického 17/9,ĈS-05201 Spišská Nová Ves.

## JUBILEA KONKURSO

Okaze de la proksimiĝanta 25-jariĝo /4. IV. 1984/ de la Esperanto-Redakcio de RADIO POLONIA, la Redakcio organizas apartan konkurson por la redaktoroj kaj kunlaborantoj de la E-revuoj, E-informiloj kaj klubaj bultenoj. Ĝi tekstas:

KONKURSO PRI ARTIKOLO AŬ RECENZO

pri la ĝenerala agado de la Esperanto-Redakcio de Radio Polonia aŭ pri konkreta ciklo de la dissendoj aŭ pri iu laŭplaĉe elektita elsendaĵo. La konkursa jurio, kiun eniros ankaŭ esperantistaj ĵurnalistoj laborantaj ekster la Pola Radio, prenos en konsideron la konkursaĵojn, kiuj aperos en E-revuoj, informiloj aŭ klubaj bultenoj antaŭ la 31-a de decembro 1983. La konkursaĵojn oni sendu laŭ la adreso:
RADIO POLONIA, Esperanto-Redakcio, 00-950 VARSOVIO, poŝtkesto 46, Pollando, kun la kromnoto: „Konkurso pri artikolo aŭ recenzo" — en la formo de almenaŭ unu ekzemplero de la koncerna revuo, informilo aŭ bulteno.
En la konkurso oni akceptos ankaŭ artikolojn pri la E-elsendoj de RADIO POLONIA, aperigitajn en nacilingvaj, ekstermovadaj revuoj kaj gazetoj, sub la kondiĉo, ke ankaŭ estos sendita al ni unu ekzemplero de la koncerna revuo aŭ gazeto, kaj atingos nin ankaŭ ĝis la 31-a de decembro 1983. /En ambaŭ kazoj decidas la dato de la poŝto stampo./
La rezultoj de tiu ĉi speciala konkurso estos anoncitaj en ĉiuj E-elsendoj de RADIO POLONIA la 29-an de februaro 1984. Al la aŭtoroj de la plej interesaj konkursaĵoj oni atribuos valorajn objektajn premiojn, kaj inter ĉiuj oni lotumos krome sonkasetojn kun originala fragmento de parolado de Ludoviko Zamenhof, fragmento, kiu feliĉe konserviĝis.
Ni atendas viajn publikaĵojn.

RADIO POLONIA
ESPERANTO-REDAKCIO

# Novaj libroj el Hungario 5

Komparu la informojn pri la 6 volumoj de „Interkomputo" en „der esperantist", n-ro 116, p. 133 kaj pri novaj universitataj lernolibroj en la sama numero sur paĝo 137. Ilin kaj la sekvajn librojn oni mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9. Korespondu nur germanlingve!

— Gyula Krúdy: La rozo de l'sultano. Fabelo kun ilustraĵoj, 40 p. ISBN 963 571 0429, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982. ĉ. 8 markoj

— Julio Baghy: Gramatika demandaro resuma. 40 p. Utila materialo por ekzamenoj kaj por interesitoj. ISBN 963 571 1085, Hungara Esperanto-Asocio, 1982, ĉ. 2 markoj.

— Kion scii por organizi nian movadon? Diskutmaterialo n-ro 2. Detlev Blanke: Pri la „interna ideo" de Esperanto. Represo el „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado", 30 p. ISBN 963 571 0461 ĉ. 2 markoj.

— Adalberto Huleŝ: Katoj kaj ĉevaloj: Poemoj, 80 p., ISBN 963 571 100x, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982, ĉ. 9 markoj.

— Vilmos Benczik (redaktoro): Baza Literatura Krestomatio. 2a eldono plivastigita. La kolekto entenas 134 pecojn de 58 aŭtoroj, plejparte originalaj poemoj, prozajoj kaj prozaj fragmentoj, kelkaj majstre tradukitaj eroj. ISBN 963 571 095x, 282 p., Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982, ĉ. 9 markoj.

— Sciencaj Komunikaĵoj, 1982, eldonaĵo de la Scienca Eldoncetro de UEA. HU — ISSN 0133 — 1027, Budapest 1982, 66 dense presitaj, paĝoj A5. 9 sciencaj artikoloj kaj aliaj materialoj. ĉ. 9 markoj.

— Bernhard Golden: Marĝene de la lernolibro, ISBN 963 571 0836. Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982, 58 p. 15 esperantologiaj eseetoj. ĉ. 7 markoj.

— Julio Baghy: La verda koro. 2a eldono, ISBN 963 571 1069, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982, 104 p. La fama kursutila novelo de Baghy kun gramatika aldono de K. Kalocsay kaj vortlistoj. ĉ. 9 markoj.

— Mark Twain: La aventuroj de Huckleberry Finn. ISBN 963 571 1050. Hungara Esperanto-Asocio 1982. Bildstria rakonto, 30 p. ĉ. 6 markoj.

— István Nemere: La fermita urbo, ISBN 963 5710755, HEA 1982, 128 p., sciencfikcio, ĉ. 12 markoj.

— Frank/Yashovardhan, R. Cziske, Kibernetiko de la homa lingvo kaj aliaj internacilingvaj aktoj de la IXa Internacia Kongreso de Kibernetiko, HEA, Budapest/Paderborn, 1981, 192 p., ĉ. 14 markoj.

— János Elem: Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'profeto? Budapest 1982, 91 p. (hungarlingva kaj en Esperanto), ISBN 963 571 1026, ĉ. 10 markoj (dramo).

— Endre Tóth: Lappar, la antikristo, Budapest 1982, 139 p., ISBN 963 571 0488 (noveloj), ĉ. 10 markoj.

— István Nemere: La naŭa kanalo. Budapest 1981, ISBN 963 571 0372, 104 p., ĉ. 10 markoj. (sciencfikciaj rakontoj)

— Arkadi Gajdar: Timur kaj lia taĉmento. Budapest 1982, ISBN 963 571 0798, 72 p., ĉ. 10 markoj.

— Mark Twain: La aventuroj de Tom Sawyer, bildrakonto, 30 p., Budapest 1981, ISBN 963 571 0852, ĉ. 6 markoj.

— Lorjak: Iluzioj. Novelaro. ISBN 963 571 0828, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1982, 184 p., ĉ. 15 markoj.
(La prezoj estas nur proksimumaj kaj povas ŝanĝiĝi.)

## Infanaj pentraĵoj

Ŝtata infanpentraĵa galerio kaj E-klubo de Rostov/Don aranĝas maje de 1983 ekspozicion de infankreajoj: pentraj, skulptaj, gravuraj, desegnaj, popol- kaj aplikartaj k. t. p.
Temo: Estu ĉiam la suno, estu ĉiam la paco!
Stilo: formato kaj aliaj teknikajoj — laŭ plaĉoj.
Dezirindajo: ĉio havu dorsflanke la nomon kaj aĝon de la aŭtoro, titolon de la'kreajo.
Dankajon ricevos ĉiu kontribuinto.
Krome, la artgalerio serĉas kontaktojn kun altlernejoj, rondetoj. Kontaktu E-klubon. SU — 344 007, Rostov/Don — 7, abon. kesto 393, Esperanto-klubo „Amikeco".

## Novaj doktoriĝoj pri Esperanto

1. Ĉiam pli kaj pli ofte junaj sciencistoj verkas sian doktorigan disertacion pri Esperanto. Al ili apartenas la anglo Peter G. Forster, kies disertacio aperis sub la titolo „The Esperanto-Movement" en la prestiĝa serio de Mouton-Publishers „Contributions to the Sociology of Language" Nr. 32 (eldonata de Joshua A. Fishman). The Hague 1982 (413 paĝoj)

2. Fine de 1982 sian disertacion sukcese defendis Tadeusz Ejsmont de la Filozofia-Historia Fako de la Lodza Universitato. Li verkis duvoluman disertacion pri la temo „Edukaj funkcioj de Esperantaj lingvo kaj movado dum la periodo 1956 — 1980. Aspektoj pola kaj internacia." La teksta parto (601 p.) entenas jenajn ĉapitrojn:

   1) Metodologiaj premisoj de la analizo de informoj; politikaj, kulturkreaj kaj edukaj aspektoj de la problemaro de la funkcioj de Esperantaj lingvo kaj movado
   2) Esplorstato de la Esperanta problemaro
   3) Soci-edukaj funkcioj de la Zamenhofa doktrino kaj la ideo de internacia lingvo
   4) Genezo kaj procezo de la kreado de modelo de edukado en la Esperanto-movado
   5) Edukaj funkcioj de la Esperantaj lingvo kaj movado en polaj medioj 1956 — 1980
   6) Elementoj de soci-edukaj procezoj de Esperantaj lingvo kaj movado
   7) Konkludoj kaj bibliografio (kun pli ol 300 pozicioj).

La dua volumo (243-paĝa) entenas enkondukon kaj elekton de dokumentoj, ĉefe devenantaj el arkivoj de Pola Esperanto-Asocio kaj de la Studenta Esperanto-movado.

## LA LINGVA KOMUNIKADO EN LA SERVO DE LA SCIENCO

Okaze de la Internacia Jaro de la Komunikado 1983, la Sekcio pri interlingvistiko kaj esperantologio en la Bukareŝta Filio de la Societo de Filologiaj Sciencoj (S. R. Rumanio) aranĝis sciencan sesion, la 26-an de marto, pri la temo menciita en la titolo.

Antaŭ duoncenta aŭskultantaro oni prezentis dek unu sciencajn komunikajojn, kiuj traktis diversajn aspektojn de la problemo, kun speciala atento al la planlingvoj, precipe al Esperanto — inter ili. La prelegintoj kaj la titoloj de ties komunikaĵoj estis la jenaj: Univ. prof. d-ro Gh. Bulgăr, **La konado de la lingvoj kaj la disvolviĝo de la internacia kunlaborado;** d-ro Const. Apreotesei, **Konsideroj pri la evoluo de la lingvoj kaj de la lingva komunikado;** prof-ino Mioara Dobre, **Kulturaj nesimetrioj kaj la internacia skalo;** Esplo-ino d-ro Eugenia Ştefan, Instituto de politikaj sciencoj kaj de studoj pri la nacia problemo, **La kulturo de la estonto en la nuntempaj ideologiaj konfrontiĝoj;** univ. asistino Ioana Prioteasa, **Esperanto kompare al aliaj kontsruitaj lingvoj;** univ. prof. d-ro G. Ţepelea, **Strategio en la lernado de naturaj kaj konstruitaj lingvoj;** univ. doc. d-ro Cezar Apreotesei, **Kibernetiko kaj interlingvistiko;** ekon. d-ro M. Constantinescu, **Komputiloj serve al la komunikado;** inĝ. D. Hehn, **Esperanto — efika komunikilo en la scienco;** univ. asist. Const. Dominte, **Antaŭuloj de la lingvo-planado kaj de la konstruitaj lingvoj en Rumanio;** d-ro A. Boia, **Esperanto kaj la popularigo de rumanaj kulturaj valorajoj kaj eventoj en la mondo.**

La sesio, okazigita ankaŭ aranĝon de malgranda ekspozicio de libroj kaj periodaĵoj en Esperanto, disvolviĝis rumane. Sekvis tre viglaj diskutoj, finiĝintaj per la propono, ke oni aperigu libroforme la prezentitajn komunikaĵojn.

**Const. Dominte, Fakultato de fremdaj lingvoj kaj literaturoj, Universitato de Bukareŝto.**

## Gravaj materialoj el Soveta Unio

Komence de 1983 la eldonejo APN en Moskvo eldonis en Esperanto la raporton de la Ĝenerala Sekretario de CK de KPSU, Juri V. Andropov, dum la komuna solena kunsido de CK de KPSU, Supera Soveto de USSR kaj Supera Soveto de RSFSR dediĉita al la 60-jariĝo de la fondo de Unio de Sovetaj Socialismaj Respublikoj. La 24-paĝa bone presita broŝureto estis eldonita laŭ mendo de Moskva Centra Esperanto-Klubo (103009 Moskva -k 9, ul. Gercena 19). Ĝi tie estas senpage havebla same kiel la 30-paĝa Esperanto-Suplemento ro 11 — 12 (marto 1983) de Moscow News, kiu ankaŭ enhavas diversajn dokumentojn pri Soveta Unio kaj ties interna kaj ekstera politikoj.

## Szerdahelyi: docento

Kiel ni eksciis, la estro de la fako Esperanto — lingvo kaj literaturo ĉe la katedro pri aplikata lingvistiko de Eötvös-Lorand-Universitato Budapest, d-ro Istvan Szerdahelyi, estis nomumita „docento". Ni tre kore gratulas al doc. d-ro Istvan Szerdahelyi kaj deziras al li pluajn sukcesojn en la scienca agado pri interlingvistiko, metodiko kaj esperantologio. Ni krome mencias, ke UEA elektis la eminentan scienciston „honora membro". Ankaŭ pro tio niajn gratulojn.

**Richard Partecke**

# Pri kelkaj ebloj de scienc-teknika apliko de Esperanto

Sendube estas rimarkebla plivastigado de uzo de Esperanto en scienco kaj tekniko. Trafa nova ekzemplo estas komputiko. Dank' al la agado de hungaraj E-komputistoj lige kun ilia nacia fakasocio neesperantista okazis en Budapeŝto fine de decembro 1982 la eble ĝis nun plej granda fakkonferenco INTERKOMPUTO, kun pli ol 100 prelegoj.

Sed en nia asocio nur laboras ĉirkaŭ dekduo de E-fakuloj sur tiu kampo. Ebleco partopreni koncernajn internaciajn fakkonferencojn ĉiam plu malgrandiĝas pro ekonomiaj kaŭzoj. La konferencmaterialoj ankaŭ preskaŭ ĉiam ne estas haveblaj por nepartoprenantoj de la konferencoj.

La Scienc-Teknika-Sekcio (STS) de la ĉeĥa kaj slovaka E-Asocioj aranĝas ekde 1978 Seminariojn kaj konferencojn APLIKO DE ESPERANTO LA SCIENCO KAJ TEKNIKO (SAEST). La graveco de SAEST preskaŭ ne estas supertaksebla pro ĝia specialigo unuflanke per seminarioj kaj universaligo per konferencoj aliaflanke. (Vidu SAEST 1978, 1980, 1982 kaj AEST 1981) Tiuj aranĝoj ankaŭ havas avantaĝon prekaŭ unikan: la skriba konferencmaterialo ekzistas presita je malfermo de la seminarioj/konferencoj kaj estas aĉetebla de ĉiu interesulo post malmultaj monatoj. Tiel, la seminarioj kaj konferencoj AEST aldonas gravan parton al la ĝis nun malgranda natursciencteknika esperanta fakliteraturo. Sed ankaŭ tiujn aranĝojn nur 6 — 8 GDRanoj partoprenas, ofte sen kontribuaĵo. Specialaj internaciaj fakkonferencoj bedaŭrinde havas sufiĉe da elradiado ankaŭ nur je la koncernaj E-fakorganizaĵoj. Kompare al la monda sciencistaro kaj teknikistaro la nombro de E-sciencistoj kaj teknikistoj estas malgranda kaj ne permesas organizi fakorganizaĵojn por ĉiu fako aŭ branĉo, eĉ ne por ĉiu grava. Ankaŭ vastaj kampoj de scienco ne estas alireblaj pro kaŭzoj de sekretigo. Iu poeto foje diris, ke kulturo estu ĉiu dua korbato de nia vivo. Oni povus aldoni: ĉiu tria estas scienco kaj tekniko! Tial traktadon de sciencteknikaj aferoj oni ne nur povas limigi al profesiaj sciencistoj aŭ teknikistoj de koncerna fako/branĉo. Nia moderna kleriga sistemo en GDR estas fondata sur la politeknika klerigo. Ekzistas organizaĵoj, kiuj vivtenas kaj kompletigas tiun scienc-teknikan klerigon, ĉe ni URANIA (Asocio por plivastigado de sciencaj konoj).

Scienco kaj tekniko ankaŭ havas historion, kiu ĉiam plu interesas. Vidu nur la intereson pri veteranaj aŭtomobiloj kaj aliaj veturiloj! Necesas kaj eblas elŝovi la uzon de la planlingvo el la malvasteco de specialistoj kaj enkonduki ĝin suben ĝis la lokaj grupoj. Eblas, ke la „faka Esperanto" povas ludi pli grandan rolon en niaj grupoj kaj renkontiĝoj.

La distriktaj renkontiĝoj plej ofte okazas laŭ jena sinsekvo: baza referaĵo-prelego aŭ vizitado de vidindaĵoj de la renkontiĝ-urbo — diskuto kaj eble kulturarango — fermo.

Mi pensas, ke ne nur la urbhistorio, la historiaj konstruaĵoj aŭ rimarkindaj personoj aŭ historiaj okazintaĵoj interesas, sed ankaŭ la historio de sciencaj instalaĵoj, uzinoj kaj iliaj produktoj. Tial, nia grupo en Eisenach decidis, ellabori lumbildprelegon pri la historio de la Wartburg-aŭtomobiluzino, ĉefe laŭ ĝiaj aŭto-tipoj ekde la komenco de la uzino.

Kompreneble en Eisenach ekzistas malgranda aŭto-muzeo. Sed nia aŭto-paviliono nur montras malgrandan parton de la produktitaj aŭto-tipoj. Neeblas sistema superrigardo kaj mankas informoj pri la historio de la uzino.

Plivastigi tiun agadon havas avantaĵojn jenajn:

1. Apliko de Esperanto en la tekniko iĝus ne nur afero de malgranda grupo en nia asocio, sed afero de pli granda parto de Esperanto-aktivuloj.

2. La efikeco de la scienc-teknika komisiono pligrandiĝus ankaŭ en la distriktoj.

3. Ekestus kolektado de referaĵoj uzeblaj por aliaj kursoj kaj renkontiĝoj.

4. Eblus pli stabila laboro naciskale kiel kondiĉo por pli bona faka laboro internacia.

Por plenumi prelegojn pri pasinteco kaj eble estonteco de la tekniko oni nur devas studi la ekzistantan specialan literaturon, ekzemple:

„Schiffahrt, heute und morgen" (navigacio, hodiaŭ kaj morgaŭ)

„Frachtschiffe der Zukunft" (kargoŝipoj de la estonteco)

„Veteranen auf Rädern" (veteranoj sur radoj)

„Oldtimer auf Flüssen und Meeren" (Oldtimer sur riveroj kaj maroj)

„Ahnen unserer Autos (pratipoj de niaj aŭtoj)

„Vom Kutter zum Containerschiff" (de kutro al konteneršipo)

„Oldtimer auf unseren Straßen" (Oldtimer sur niaj stratoj) k. t. p.

La ellaborado de lecionoj pri historio de tękniko pliviglos la grupan vivon kaj plivastigos ankaŭ terminologian laboron, ebligante partoprenadon ne nur de profesiaj specialistoj sed ankaŭ de interesiĝantoj uzantaj la konojn kaj laborrezultojn de neesperantaj fakuloj. Novaj terminoj plej bone estas ellaborataj helpe de tekstoj, klarigitaj per glosoj je la fino de la teksto.

Tiel ni plej bone uzas la nefermitan staton de Esperanto, esenca afero por ĝia evoluo. La scienc-teknika komisiono ĉe la Centra Estraro de GDREA intencas instigi tiun procedon kun helpo de distriktaj kaj subdistriktaj estraroj kaj atendas diskuton kaj proponojn.

## ISEU

Jen nova interesa kaj utila aranĝo, kiu ekde nun ĉiujare okazos en Veliko Târnovo/Bulgario: Internacia Somera Esperanto-Universitato (ISEU).

ISEU celas altigi la ĝeneralan kaj lingvan kulturon de siaj partoprenantoj, krei amikajn sentojn kaj personajn ligojn inter homoj trans la limoj, eduki al internaciismo, pacamo kaj humanismo. En ISEU Esperanto manifestos siajn kvalitojn kiel lingvo taŭga por sciencaj kaj kulturaj celoj, kiel efika ilo de kultura interŝanĝo.

Samtempe ISEU estos aŭtoritata prelegejo, kie la ordinaraj esperantistoj povos persone konatiĝi kun elstaraj diversnaciaj esperantistoj, reprezentantoj de la scienco, kulturo, literaturo, arto, socia vivo.

ISEU okazos je la 18a — 24a de julio 1983 kaj inkluzivas 5 tagojn en Veliko Târnovo kaj 2 tagojn en Sviŝtov.

La prelegoj okazos ĉiam antaŭtagmeze: en V. Târnovo — en la Universitato „Kiril i Metodi", en Sviŝtov — en la Supera Ekonomia Instituto. Ili havos popularsciencan karakteron kaj estos destinitaj al plej vasta

Esperanto-publiko. La temoj — el plej diversaj sferoj: literaturo, muziko, teatro, filozofio, historio, arkeologio, natursciencoj, astronomio, fiziko, kemio, esperantologio, interlingvistiko k. a. Post ĉiu prelego sekvas diskutado.

En la posttagmezo estos aranĝataj ekskursoj al vidindaj lokoj.

En la vesperoj okazos renkontiĝoj kun la lokaj esperantistoj, projekciadoj de E-filmoj kaj diapozitivoj, amuzoj kaj dancoj, liberaj promenadoj tra la urbo k. t. p.

La partoprenantoj pagos nur por noktado kaj manĝado 80 levojn.

Limtempo por aliĝo: la 15a de junio 1983. Eksterlandanoj anoncu sin kaj sendu aliĝilon ĝis la sama dato. Ili povas pagi ĉe la alveno.

Oni povas pagi nur studokotizon de 15 levoj, se oni deziras partopreni nur la studprogramon kaj la ekskursojn, havante loĝejon kaj manĝon ĉe amikoj.

Aliĝilon oni sendu al la adreso: 5000 V. Târnovo, p. k. 266, Bulgario, kie oni ankaŭ ricevas pluajn informojn.

Alveno en V. Târnovo kaj enloĝigo: la 17an de julio. Akceptejo en la Universitato.

## Pri la revuo „Kolektanto"

La revuo „Kolektanto" estas la organo de la sekcio de E-kolektantoj. Ĝi enhavas plej diversajn materialojn: lingvajn ekzercojn, interesajn legaĵojn, artikolojn pri hobioj, versaĵojn, kantojn, enimojn, proverbojn, krucvortajn enigmojn, artikolojn pri belarto, fotado k. t. p. La revuo zorgas pri la kolektado kaj kolektantoj — filatelistoj, filokartistoj, falevistoj k. a.

En ĝi oni povas trovi adresojn por korespondado kaj interŝanĝo. Interesa faras ĝin multaj ilustraĵoj.

Multaj skribaĵoj en la revuo estas taŭgaj por la lernado de la lingvo. Ĝin legas esperantistoj en 70 landoj.

La revuo aperas kvarfoje dum la jaro. Unu jarabono 1,5 levojn aŭ egalvaloron.
Adreso por abono: Bulgario, Sofio 1000, str. „A. Jdanov" 5, Dimitrovski rajon, DSK-konto 185/3081 — revuo „Kolektanto". Adreso de la redakcio (por leteroj): Sofio 1303, bul. „Hr. Botev" 97 — „Kolektanto"

## En medio de blinduloj

Tre aktivas por Esperanto en la medio de blinduloj s-ino Ursula Heiden el Rostock (2500 Rostock 1, Lange Str. 21, Wohnung Nr. 34). Ŝi publikigis kelkajn artikolojn pri Esperanto en blindulaj gazetoj, i. a. en „Gegenwart" 1/1983, la kontribuon „Per Esperanto ni trovis novajn amikojn"
Ankaŭ aperis dua brajla eldono de la lernolibro de Ludwig Schödl „Wir lernen Esperanto".

## Bionik

Lautlos, häufig die Flugrichtung ändernd, bewegt sich im Dunkel der Nacht eine Fledermaus durch die Luft. Einem oberflächlichen Beobachter erschiene dieser Flug ungeordnet und ziellos. Doch der Schein trügt. Das Tier sucht nach fliegenden Insekten und nach anderen Beutetieren, die es trotz der Dunkelheit aufspürt. Dabei orientiert es sich gleichzeitig in seinem Jagdrevier. Wieso kann die Fledermaus ihre nächtliche Jagd ausführen? Wieso stößt sie nicht mit einem Hindernis zusammen?

Nun, sie besitzt ein Ortungssystem. Mit seiner Hilfe gelingt es ihr, sich optimal zu orientieren, die Beute zu finden und Hindernissen aus dem Weg zu fliegen. Es handelt sich um ein Ultraschall-Ortungssystem bestehend aus Senderorgan, Schallempfänger sowie Verarbeitungs- und Analyseorgan. Das Tier erzeugt Ultraschallimpulse von 1,5 bis 15 Millisekunden Dauer und zwar in einem Frequenzbereich von 20 bis 45 kHz, die über das Maul oder die Nasenlöcher ausgestrahlt werden. Treffen die Schallimpulse auf ein Hindernis, werden sie zurückgeworfen und gelangen mit verminderter Stärke auf die Ohren der Fledermaus. Dort entstehen biologische Signale, die im Nervensystem verarbeitet und ausgewertet werden. Ergebnis dessen ist die Auslösung der Handlung, das heißt, die Flugrichtungsssteuerung.

Was haben diese Erkenntnisse mit der Technik zu tun? Schaut euch in der belebten Natur um. Ihr findet viele Funktionen, Prozesse und Strukturen, die gegenüber den bisherigen und sogar noch künftigen technischen Nachbildungen wesentlich vollkommener sind. Nur zu verständlich, wenn das Interesse an der belebten Natur gewachsen ist und das Ziel verfolgt wird, biologische Funktionen und Strukturen in der Technik nachzuahmen.

Dieses Interesse ist nicht neu, denkt an die Sage vom Ikarus, der mit Vogelschwingen die Sonne erreichen wolllte oder an das Dach des Londoner Kristallpalastes, das dem Blattgerüst der Riesenwasserrose Victoria regia des Amazonas ähnelt.

Entsprechend den Möglichkeiten der Natur ist das Interesse der Technik sehr vielfältig. Es reicht von der Architektur und dem Bauwesen über die chemische Verfahrenstechnik über die Roboterentwicklung bis hin zur Informationsverarbeitung und Rechentechnik. So ist eine Annäherung biologischer, technischer und anderer Wissenschaftsdisziplinen entstanden, die zur Herausbildung der Bionik führte. Die eigentliche Geburtsstunde lag im Jahr 1959 als John Steele die Bionik als „Wissenschaft von Systemen, die nach der Art oder ähnlich der Art lebender Systeme arbeiten" bezeichnete. (Aus: Technikus)

### Kondiĉoj

Partopreni povas unuopuloj kaj kolektivoj. Ni distingas la plej bonan solvon por ĉiu unuopa tasko kaj tiun por la tuta jaro per libropremioj. La tradukoj estu tajpitaj kun 3 bone legeblaj kopioj kaj sendendaj al Dieter Berndt, 1020 Berlin, Berolinastr. 2. La ensendo estas ĉiam du monatojn post la apero de la unuopaj numeroj. La kontribuojn oni ne resendas al la sendintoj. Ĉiu partoprenanto ricevas informon pri la rezultoj. Tiuj ĉi kondiĉoj anstataŭas la presitajn en „der esperantist" 1/83, p. 8.

## Naciaj kaj internaciaj aranĝoj de GDREA 1984

### I. Zentrale DDR-Veranstaltungen

1. 2. Basisseminar für Kursusleiter, 8. — 13. 4. 1984, in Lychen
2. 4. Zentrales Treffen der Esperantisten im Kulturbund der DDR, 27. — 30. 9. 1984, in Dresden
3. Jugendseminar (Basisseminar), 4. — 9. 11. 1984, in Lychen
4. 2. Expertenseminar (in Esperanto), 25. — 30. 11. 1984, in Lychen (mit Prüfungen)
5. 6. Interlinguistik-Seminar, 28. 10. — 1. 11. 1984, in Ahrenshoop
6. Sprachintensivkurs (für Anfänger) vom 19. — 24. April 1984 in Antonshöhe bei Schwarzenberg (Bez. Karl-Marx-Stadt)
7. Sprachintensivkurs für Fortgeschrittene, Etterwinden b. Eisenach, 7. — 12. 5. 1984
8. Sprachintensivkurs für Jugendliche in Ohrdruf b. Gräfenroda, 12. — 19. 5. 1984.

### II. Internaciaj aranĝoj en GDR 1984

9. Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo (IFER '84), 9. — 11. 3. 1984, in Leipzig. Informojn de: Organiza Komitato IFER '84, DDR—7010 Leipzig, Pf. 713.
10. Internacia Renkontiĝo de Esperantistoj ĉe Berlin (IREBIK '84), Krossinsee ĉe Berlin, 2. — 14. septembro 1984, lingva kurso kaj turismo. Informojn de: Distrikta Estraro Berlin de GDREA, 1020 Berlin, Breitestr. 35/36, 1. — 14. 9. 1984
11. Somera Esperantista Familia (Tendaro (SEFT) sur kampadejo Thomsdorf, en lagoriĉa regiono de norda GDR. Informojn donas: Werner Pfennig, 2000 Neubrandenburg, Leibnizstraße 5/67, 25. 8. — 1. 9. 1984
12. VIa Internacia Turisma Renkontiĝo de Esperantistoj en Ercmontaro (ITRE '84) de 10. — 14. 5. 1984 en Schwarzenberg. Informojn donas: Rudolf Eichler, 9430 Schwarzenberg, H.-Matern-Straße 21
13. Junulara Esperantista Biciklado, 20. 8. — 1. 9. 1984, tra norda regiono de GDR. Informojn donas: Roland Schindler, DDR—2090 Templin, W.-Pieck-Str. 44.

Anmeldungen für 1. — 4. und 6. — 8. ab sofort an den Esperanto-Verband im Kulturbund der DDR, 1080 Berlin, Charlottenstr. 60

## Por paco kaj vivo: en Pardubice

La 5-an Renkontiĝon de pacdefendantoj en Pardubice de 18. — 20. 3. 1983 ĉeestis 386 partoprenantoj. En tiu nombro estis 34 eksterlandanoj el Anglio, Aŭstrio, Belgio, Bulgario, GDR, Hungario, Pollando kaj Sovetunio. La reprezentanto de GDREA estis Jürgen Hamann.

Vendrede la delegitoj estis akceptitaj ĉe la distriktestro de Komunista partio kaj poste ĉe la urbestro. Posttagmeze la delegacio vizitis entreprenon TVAR. Vespere efektiviĝis en KD DUKLA kunveno kun funkciuloj de la urbo, kie oni interŝanĝis spertojn pri enlande kaj eksterlanda pacaktivado.

Sabate, la 19. 3. 1983, solenan renkontiĝon de la partoprenintoj malfermis infanoj kaj la programon pliriĉigis Esperanto-trio.

Ĉe mikrofono poste parolis reprezentantoj de ĉiuj partoprenpintaj landoj.

La tuta ĉeestantaro unuanime akceptis finan dokumenton, adresitan al registaroj de okcidentaj landoj de Eŭropo kaj Usono. Kopio de tiu ĉi letero estas sendita kun akompana letero al prezidento de Usono al sinjoro Reagan kaj al ĉiuj MPM-landkomitatoj en Okcidento kun peto publikigi ĝin en jurnaloj. Ankaŭ estis akceptita decido, ke Ĉeĥa Esperanto-Asocio eldonos en Esperanta traduko la plenan tekston de Politika deklaro de la ŝtatoj-anoj de Varsovia Kontrakto kaj poste Esperantan tradukon de la akceptita teksto de Konferenco por paco kaj vivo, kiu okazis dum junio 1983 en Prago.

La posttagmeza kulturprogramo enhavis riĉan programon, kortuŝan monologon de Eva Seemanová „La patrino parolas" kaj du fabelojn de František Lázecký. Sekvis baleto de Entreprena klubo TESLA. Fine kantis kaj dancis la grupo TILIETO. La tago estis kronita per dancvespero kun riĉa tombolo, kies gajno estis dediĉita al la pacfonduso en Prago.

Dimanĉe estis aŭtobusa ekskurso al memorloko Ležáky, kie oni metis florojn kaj aŭskultis esperantlingvan prelegon pri la tragedio de Ležáky.

Ĉefa signifo de la packunveno en Pardubice estas en esprimo de la starpunktoj de homoj el diversaj landoj kaj diversaj sociaj strukturoj. Ĉiuj estas por la proceso de malstreĉigo, por plifirmigo de la tutmonda paco kaj sekureco — sed ili ne estas nur por tio, ili estas ankaŭ pretaj doni ĉiujn propajn eblojn helpi al tiu procedo. Kaj tiu aktiveco estas la plej grava.

(Laŭ „Starto")

## Deklaro de la Centra Estraro de GDREA

En ĉi tiu tempo, kiam la paco en Eŭropo kaj en la tuta mondo estas minacata de aventuraj planoj de la nuna usona administracio kaj la plimulto de la registaroj de NATO-ŝtatoj en okcidenta Eŭropo, en la nomo de ĉiuj membroj de Esperanto-Asocio en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko ni deklaras:

— Ni scias, ke la ĝisnuna armila ekvilibro kaj la armea potenco de la socialisma ŝtataro dum la lastaj jardekoj konservis la pacon al Eŭropo kaj al la homaro. Oni ne rompu ĉi tiun ekvilibron, kiel intencas NATO-registaroj per la raket-lokigado.

— Ni subtenas ĉiun iniciaton cele al malmultigo de nukleaj armiloj en Eŭropo kaj atentigas pri la koncernaj proponoj, aparte de la soveta registaro kaj pri la propono de la sveda registaro pri sennuklearmila zono en Eŭropo.

— La paco, la elementa vivneceso kaj unua homa rajto ne estu endanĝerigita per lokigado de novaj usonaj mezdistancaj nukleaj raketoj en Eŭropo. La homoj ne bezonas novajn sistemojn de armiloj, sed sekurigon de paco per malarmado.

— Por la kazo, ke novaj nuklearmilaj sistemoj estos lokigataj en okcidenta Eŭropo, ni konsideras neevitebla certigon de armila ekvilibro kaj subtenas la interkonsenton inter la registaroj de Sovetunio, GDR kaj ĈSSR, komenci sur la teritorioj de la menciitaj ŝtatoj la preparadajn laborojn al lokigado de raketaroj kun operacia-taktika determino cele al certigo de nia sekureco kaj restarigo de forto-ekvilibro.

— Kun plej forta indigno ni konstatas, ke USONO ne hezitis apliki sian militistan superforton kontraŭ Grenado, lando milionoble pli malgranda ol USONO. Ni vidas en tiu paŝo denovan provon, ludi la rolon de tutmonda ĝendarmo. Tiu politiko malsekurigas ne nur la pacon en la mezamerika regiono, sed en la tuta mondo.

— Ni esperantistoj en Kulturligo de GDR utiligos nian specifan agadsferon por kontribui al plua konstruado kaj fortigado de la socialisma socio en nia lando, firmigado de la paco kaj amikeco kaj kunlaboro inter la popoloj, kaj tiusence enviciĝas en la internacian pacmovadon.

**Centra Estraro de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR**

Schwerin, la 29an de oktobro 1983

### Nova prezidanto en Schwerin

Dum renkontiĝo de esperantistoj el la distrikto Schwerin, la 29. 10. 1983, la longjara prezidanto de la Distrikta Estraro de GDREA, **Hans Diedrich,** retiriĝis pro aĝo kaj malsano. Al li koran dankon pro la farita laboro. Nova prezidanto fariĝis la **inĝeniero Kurt Güse,** kiu sekve, pro la ofico, ankaŭ apartenas al la Centra Estraro de GDREA kiel plenrajta membro. Al li bonvenon kaj kontenton en la nova ofico.

## Internacia Esperanto-Feriado en Berlin

Internacia Esperanto-turismo estas grava parto de praktika aplikado de Esperanto. Ĝi helpas perfektiĝi en la lingvo kaj evidentigas la taŭgecon de Esperanto por internacia kompreniĝo. Niaj najbaraj socialismaj landoj prezentas dum jaroj ĉiujare programojn de Esperanto-turismo.

Ankaŭ nia afero en GDR properis dum la lastaj jaroj, kaj evoluis la tradicio, ĉiujare aranĝi tiajn okazajojn.

Ekzemploj estas la Familia-Renkontiĝo en Thomsdorf (SEFT), Internacia-Turisma-Renkontiĝo en Ercmontaro (ITRE), Foira Renkontiĝo en Leipzig (IFER) kaj la Internacia Berlina Esperanto-feriado (IREBIK) aranĝita per la Distrikta Estraro Berlin de GDREA. Ĝi jam atingis famon kaj la lokoj ne sufiĉis akcepti ĉiun interesulon.

La kampadejo „Intercamping Krossinsee" prezentas tre favorajn kondiĉojn, bone ekipitajn feriodomojn, situas sur insulo „Schmöckwitzer Werder" en arbaro — kaj lagoriĉa ĉirkaŭo kaj en la proksimo de la ĉefurbo Berlin. Ĉijare la plejmulto de la partoprenantoj estis junaj esperantistoj ,inter ili multaj instruistoj kaj lernantoj, ĉefe el Bulgario. Kvar nacioj estis reprezentitaj: Bulgario, Ĉeĥa SR, Slovaka SR kaj GDR.

La programo empleksis instruadon, ekskursojn, urborigardojn kaj kulturaranĝojn. Celoj estis i. a. Berlin, Potsdam, Müggelturo kaj Thälmann-Memorejo Ziegenhals. Vespere okazis renkontiĝa kaj literaturaj aranĝoj. Fundamentajn konojn en Esperanto peris la bulgarino s-ino Maria Pejkova kaj kun progresintoj ekzercis (kiel ankaŭ dum aliaj jaroj) s-ro E. V. Tvarožek (SSR). La Esperanto-Feriado (IREBIK 83) helpis kompletigi Esperanto-scion kaj aplikon, konatigis iom kun Berlin kaj ĝia bela ĉirkaŭo kaj donis eblecon ripozi.

Ĝi okazis en agrablaj cirkonstancoj dank' al la helpemo de Berlinaj esperantistoj kaj bonega subteno de la distrikta oficejo de Kulturligo.

Rudolf Hahlbohm
estro de IREBIK 83

## 7-a plenkunsido en Schwerin

La Centra Estraro de GDREA havis sian ĉijare trian plenkunsidon en la norda Schwerin, la 28an kaj 29an de oktobro 1983. La kunsidon partoprenis gastoj el Pollando kaj Slovakio. Polan Esperanto-Asocion reprezentis Wieslaw Dyduch kaj Jerzy Perzyński. Kaj de Slovakia Esperanto-Asocio partoprenis ties prezidanto d-ro Andrej Lukáč kaj la vicprezidanto d-ro Elemir Erby. La gastoj informis pri la agado de siaj asocioj kaj respondis multajn demandojn de la kunsidintoj.

Krome por ili estis multaj eblecoj de rektaj kontaktoj al la membroj de CE de GDREA, kio certe plivigligos la kunlaboron inter la asocioj. Surprizo agrabla estis la malferma kultura programeto de la operkantisto s-ro Michail Tschergoff (Ĉergov) el Schwerin (bulgaro, edziĝinta kun germanino), kiu senriproĉe laŭ prononco kaj tre bele kantis kelkajn ariojn en Esperanto. Espereble oni aŭskultos lin estonte dum Esperanto-aranĝoj en GDR kaj ankaŭ eksterlande.

La plenkunsidon partoprenis la 1a distrikta sekretario, k-do Günter Rehwagen, kiu faris enkondukan prelegon. Valoras substreki, ke la Centra Estraro post serioza diskuto akceptis rezolucion kontraŭ la lokigo de nukleaj raketoj en okcidenta Eŭropo kaj kondamnis la brutalan agreson de USONO kontraŭ la malgranda insulo-ŝtato Grenado (vidu paĝon 93). Dum la plenkunsido oni aŭdis krome diversajn raportojn (i. a. pri la 68a UK en Budapest), diskutis pri la preparoj al la centrariĝo de Esperanto kaj akceptis laborplanon de la Estraro por 1984.

## Surprizo en la IXa artekspozicio en Dresden

Se oni vizitas tiel ampleksan artekspozicion, kiel ĝi okazas dum februaro — aprilo 1983 en Dresden, oni devas klopodi ne droni en la abundo de artaĵoj. Speciale la montritaj pentraĵoj troviĝis tie en granda nombro. Oni iras de salono al salono, vidas grandegajn verkojn, kiuj atentigas pri seriozaj problemoj, aŭ amuziĝas pri etaj pentraĵoj, kiuj kritikas neviglajn samtempulojn. Kaj subite oni vidas inter ĉiu ĉi pentraĵoj en modesta angulo la bildon de maljuna viro kun meditemaj okuloj en mallarĝa vizaĝo. La subskribo: Laborista veterano Otto Bäßler. Tuj mi sciis, ke mi jam vidis tiun bildon en nia organio „der esperantist", sed nun mi havis antaŭ mi la originalon. Kaj mi tre ĝojis povi konstati, ke tiu meritplena laboristo kaj esperantisto inspiris la pentristinon Inge Wunderlich al verko, kiu pro sia valoro estis digna por ĉi tiu reprezenta ekspozicio.

Barbara Schulze

## IREBIK '84

La 6a Internacia Rekontiĝo de Esperantistoj ĉe Berlin sur la Internacia Kampadejo Krossinsee (ĉe Berlin, ĉefurbo de GDR) okazos de 1. — 14. 9. 1984.
IREBIK '84 celas doni al siaj partoprenantoj la eblecon:

— altigi sian lingvan nivelon,

— konatiĝi kun la ĉefurbo de GDR, Berlin, kaj ties belega arbaroriĉa kaj multlaga ĉirkaŭaĵo,

— doni eblecon ferii kaj ripozi en internacia medio.

Antaŭtagmeze oni ofertos lingvan, kurson, posttagmeze kaj vespere estas kulturaj aranĝoj, ekskursoj, seminarioj, prelegoj k. t. p., 4 tagoj estas senprogramaj.

La partoprenontoj loĝos en malgrandaj domoj, kiuj troviĝas sur la tereno de la kampadejo „Intercamping", ĉirkaŭataj de arbaro kaj staras rekte ĉe la bordo de la belega „Krossin-lago". En ĉiu dometo estas 4 ĉambroj kun po 3 litoj. La partoprenontoj mem devas zorgi pri la maten- kaj vespermanĝaĵoj dum la tuta restado en la kampadejo kaj krome ankaŭ por la tammanĝaĵoj je la alveno-kaj forveturo-kaj.

La partoprenkotizoj sumiĝas je 250,— markoj por GDR-anoj, 390,— markoj por eksterlandanoj.

Per tiuj kotizoj estas kompensitaj:

— 12foja tranoktado,

— 10foja tagmanĝado,

— kostoj por aranĝoj (dum la laŭ plano pasontaj tagoj).

La nombro de la disponeblaj litoj estas limigita!

Petu tuj kaj sendu senprokraste (limdato: 30a de majo 1984!) aliĝilon al:

Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, Distrikta Estraro Berlin, 1020 Berlin, Breite Straße 35/36.

Ĝis la sama limdato transpagu la partoprenkotizojn al: Kulturbund der DDR, Bezirkssekretariat Berlin, 1020 Berlin, Breite Str. 35—36, Konto ĉe „Berliner Stadtkontor" n-ro 6651-39-46 (signalvortoj: „Esperanto Krossinsee").

La kvitancon pri transpago del a partoprenkotizoj nepre kunportu al la aranĝo!

Eksterlandaj partoprenontoj, kiuj ne trovas eblecon transpagi la partoprenkotizojn, estas rajtigitaj pagi surloke tuj post alveno. Petu informojn kaj aliĝilojn de la supra adreso.

## Publika parolado — en rava pejzaĝo

De 21.—26. julio 1983 unuan fojon okazis novtipa kurso. Laŭ instigo de Anna Brennan UEA aŭspiciis E-aranĝon, al kies realigo kontribuis la Komisiono pri Virina agado kaj Bulgara Esperantista Asocio. La ideo estis, kuraĝigi al publika parolado precipe virinojn — kiuj laŭsperte eĉ pli ol viroj timas esprimi siajn opiniojn en kunsidoj, konferencoj kaj kongresoj.

La inviton al la lukse ekipita Internacia Esperanto-Kursejo en Pisanica sekvis 18 virinoj el 5 landoj (Bg, GDR, H, I, kaj Usono).

Dum 5 antaŭtagmezoj Anna Brennan (Italio), Belka Beleva (Bulgario), Julie Tonkin (Usono) kaj Wera Dehler (GDR) gvidis la grupon tra instruprogramo, kies ĉefaj elementoj estis prelegetoj kun fiksita temo kaj strikta tempolimigo, libera diskuto, senstreĉigaj-spiradaj ekzercoj kaj iom da teorio pri retoriko. Fine „Formala diskuto" laŭ severa ludregularo montris la progresojn de ĉiuj partoprenantoj. Oni interkonsentis, ke tiu unua kurso estis kuraĝiga eksperimento, kies spertoj povos utili al pluaj similaj aranĝoj, ĉiujaraj, diversloke. La posttagmezoj kaj la lasta tago estis plenigitaj per superriĉa kadra programo. Ĝiutage la gastigantoj de BEA organizis busekskursojn al la pli aŭ malpli proksima ĉirkaŭaĵo, kvazaŭ intencante montri al ni ĉiujn belaĵojn de ilia abunde belaĵoriĉa lando! Nek restis tempo nek fortoj por esplori sufiĉe kaj ĝui la terenon ĉirkaŭ nia domo, meze de la origina naturo de la Rodopi-montaro.

W. Dehler

## Ni kore gratulas

— al la iama laborista esperantisto Gerhard Böttcher, Leipzig-Casabra, kiu festis sian 70an naskiĝtagon la 10an de decembro 1983

— al Johann Haupt, Neinstedt, kiu fariĝis 70-jara, la 30an de aŭgusto 1983

— al la iama laborista esperantisto Erich Rödel, Leipzig, kiu fariĝis 80jara la 8an de novembro 1983.

— al la laborista esperantisto Erich Ehmig el Hildburghausen, kiu festis la 13an de aŭgusto 1983 sian 75an naskiĝtagon.

## Ni funebras

— pro la forpaso de Kurt Günther el Schwarzenberg, la 9an de februaro 1983

— pro la forpaso de la soveta esperantisto, amiko de multaj esperantistoj el GDR, Nikolaj Rysovec el Moskvo, la 20an de julio 1983

# KORESPONDDEZIROJ

**(Ni nur pubikigos tajpitajn koresponddezirojn)**

## GDR

Inĝeniero, 33j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Bernd Baier, **5808 Tabarz,** Karl-Marx-Str. 10
Juna instruistino dez. kor. tutmonde pri lingvoj, vojaĝoj, literaturo E-movado: Iris Giebener, **2400 Wismar,** Wilh.-Pieck-Allee 52
Komencanto dez. kor. tutmonde: Uwe Heidrich, **1801 Damsdorf,** Göhlsdorfer Str. 6
Geedzoj (instruistoj) dez. kor. tutmonde: Trenner, **1546 Staaken,** Aumetzer Weg 7/9
Inĝenierino, 27j., dez. kor. pri literaturo ktp.: Marion Lühe, **3035 Magdeburg,** Fr.-Breitenstein-Straße 5
Flegistino, 59j., dez. kor. p. ĉ. t.: Ursula Rust, **3080 Magdeburg,** Albert-Vater-Str. 93a
Instruistino, 39j., dez. kor. pri literaturo, sporto, ĉevaloj: Elke Sugijanto, **3034 Magdeburg,** Pablo-Neruda-Str. 9
Oficistino, 42j., dez. kor. p. ĉ. t.: Reha Fischer, **3017 Magdeburg,** Am Polderdeich 4
Lenantino, 17j., dez. kor. pri lingvoj literaturo, muziko: Grit Lüderitz, **3034 Magdeburg,** Ziolkowskistr. 8

## Hungario

Oficistino, 43j, Nagy Vilmosne, Judith, **H-5553-Kondoros,** Béke str. 10
Oficistino, 24j, Abonyi Judit, **H-5553-Kondoros,** Arpád str. 4
Vendisitno 23j, Opauszki Györgné. **H-5553-Kondoros,** Bacsó str. 46
Oficisto 44j, Závogyán János, **H-5553-Kondoros,** Bem str. 12
Asistantino 32j, Harsányi Dezsöné, **H-5553-Kondoros,** Orsika, Dózsa 35
Seruristo 24j, Dandai György, **H-5553-Kondoros,** Táncsics 8
Oficistino 31j, Opauszki Erzsébét, **H-5553-Kondoros,** Bajcsy 14
Oficistino 28j, Lourinyecz Agnes, **H-5614-Kótsoprony,** Dózsa 35
Instruisto por matematiko, 25j, dez. koresp. kun esp. el GDR, Eva Urban, **H-5130-Jászapáti,** Kiuizsi u 23
Dez. koresp. kun germane knabino, Peter Makai, **H-5000-Szolnok,** Bokány, D út 22
Studento 20j, dez. kor. kol. pm, Harmat Tibor, **H-7400-Kaposvár,** Marx Károly köz. 10
Lernantino, 14j, dez. kor. Juhflsz Judit, **H-7633-Pécs,** Ybl Miklós u 5/b
Hungaro 38 dez. kor. Ede Agotai, **H-5052-Mejszász,** Kossuth u 1
Oficistino, 31j, dez. kor. pri arto, vojaĝoj, kol bk. Marianna Horváth, **H-3980-Sátoralsaúhely,** Dózsa Györg u 4 em 12
Lernanto 17j, dez. kor. esperante, ruse, germane, Gábor Medveczki, **H-4027-Debrecen,** Hobya u 9
Knabo 20j, dez. kor. kun geknaboj el GDR., ŝatas fiŝhoki. Gulyás Tibor, **H-6640-Csongrád,** Viola u. 5
Lernantino 15j, kol. bk, magnetofonkasedojn, ŝat. muzikon, sporton kaj la anglan lingvon. Erik Kovács, **H-1131-Budapest,** str. Thälmann 22/c 118
Viro 22j, dez. kor. kun germana knabino, Péter Maka, **H-5000-Szolnok,** Bokány D ut 22
Studento 19j, dez. kor., Ferdinand Vincze, **H-8960-Lenti,** Pf 36/x

## Pollando

Feliks Zygawski, ul. Lesna 14, **33-104 Tarnow,** (36j.), dez. kor.
Miroslaw Wiluk, Górna 41, **17200 Hajnówka,** woj. Bialystok, (19j.) dez. kor. pri literaturo, turismo, fotado, muziko
Jarosz Bogumila, Aleksandrów 48, **26-630 Jedlnia-Letnisko,** (28j) dez. kor. pri turismo, geografio, junulara muziko
Komencantino, 25j., dez. kor. pri literaturo, turismo, muziko: Emilia Walczak, **99-320 Zychlin,** ul. Traugutta 5/32, woj. Plock
Pawel Barlog, **26-600 Radom,** ul. Swietokrzyska 25 m 30, (32j.), dez. kor. pri vivo de ejunuloj, turismo
Flegistino 21j, kol. bk, Jadwiga Rozenbajgier, **36-213 Haczów** (sicina 116) Woj Krosno
Teknikisto 29j, dez. kor. pri literaturo, filmoj, moderna muziko, fotografio, sport, turismo, reciproka gastigado, dez. interŝ, to, bk, ins., kalendaretojn Stemoień Ryszard, str. C. Sklodowskiej 9, **59-840-Zawidów**
Junulino 19j, dez. kor. Jolanta Krsysiak, **14-421-Zielonka Paslecka Marzewo**
Teknikisto, 35j, dez. kor. kun GDR-anoj. Feliks Zygawski, ul. Lésna 14, **33-104 Tarnów**
Konstruteknikisto 26J, dez. kor. pri turismo, Jerzy Wierzbicki, ul. Reja 7/3, **65-076 Zielona Gora**
Teknikisto 23j, dez. kor. pri turismo, sporto, libroj, filmo, kol. bk, pm, Jozef Przeslaliewskicz, ul. Utrata 14, **05-170-Lalenoczym,** woj st. warsz.
Studentino de ekonomio, 22j, dez. kor. Grazyna Abramczuk, ul. Andrzejewskiego 11/17. DS „Atol", **PL-60-119-Poznan**
Studento 19j, dez. kor. pri turismo, literaturo, sporto, k. a. Andrzej D. M. Zywien, **65-536-Zielona Gora,** ul. Gwardii Ludowej 10/34


Herausgeber: Kulturbund der DDR
Esperanto-Verband
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke,
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16